# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

38a jaro Januaro-februaro 1986 N-ro 1

**ICE - Intercity eksperimenta de Germana Federacia Fervojo (DB).**

Artikolo pri ĝi aperas sur paĝo 5.

(Foto: Mantel)

## BABILO

Al ĉiuj amikoj, konatoj, kunlaborantoj, membroj, simpatiantoj kaj legantoj la estraro de IFEF sendas siajn plej varmajn bondezirojn pri la nova jaro 1986a.

Ke ĝi alportu prosperon, sanon kaj feliĉon en meritita kvanto, kaj ke ĝi vere estu - laù la decido de UN kaj la espero de ni ĉiuj - INTERNACIA JARO DE PACO.

Same ni deziras esprimi sinceran dankon pro ĉia helpo, apogo, afablo kaj kunlaboremo, kiun ni renkontis kaj spertis dum la pasinta jaro.

La teruraj aper-malfruiĝoj, kiujn spertis IF en 1985, ŝajnas survoje al malaperigo, kaj ni ripetas la datojn de redaktofino, por ke neniu hezitu sendi en plej konvena tempo siajn kontribuaĵojn:

10.02. por n-ro 2,
20.03. - - 3,
10.06. - - 4,
10.08. - - 5,
10.10. - - 6,
10.12. - - 1.

Tamen ne atendu ĝis la lasta momento, se io estas finverkita antaùe.

Antaùdanke salutas vin la IFEF-estraro.

## TERMINARA FONDUSO

Konsiderinda sumo jam atingis la Fonduson, kaj ni kore dankas al ĉiuj kontribuintoj.

Kuraĝiga estas la fakto, ke daùre ekzistas oferemo, kiam temas pri aferoj, kiuj vekas interesiĝon, kaj pri kies valoro oni konscias.

Niaj kolegoj en la Terminara Komisiono kaj multaj aliaj kunlaborantoj dum jaroj fortege laboras pri la terminara afero, esenco de nia klopodaro, kaj kvankam nun ŝajnas, ke ni devas atendi certajn rezultojn far UIC, ni daùrigas la "fosadon de nia sulko".

Gisnuna fondusa rezulto:

| | | |
|---|---|---|
| Antaùa sumo | 8608,00 | DKK |
| Anonima | 3000,00 | - |
| - | 2000,00 | - |
| entute | 13608,00 | - |




## ADOPTA FONDUSO

Por niaj ĉinaj membroj, kiuj feliĉe multiĝas, ni bezonas pli da kotizantoj. Bv amase sendi po 5 CHF aù 22 DKK al la svisa resp dana konto de IFEF por ĉiu membro/jaro. Bv indiki la celon.

Kasisto

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretariejo:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Cion por kaj pri "Internacia Fervojisto" bonvolu sendi al la redaktoro.
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj)
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgaùische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# 38A IFEF-KONGRESO

**17a-23a de majo 1986**

**Skopje, Jugoslavio**

**Konstanta adreso:** 38a IFEF-kongreso
"Feroturist" pf 270
YU-9100 SKOPJE

## FERVOJO KAJ ESPERANTO - PONTOJ DE PACO

Ĝis 31.1.1986 validas la malalta kongreskotizo, kaj ek de 1.2.1986 validos la pli alta. La kotizoj estas indikitaj en usonaj dolaroj (USD), sed kiu ajn okcidenta valuto taŭgas.

| | ĝis 31.1 | de 1.2 |
|---|---|---|
| IFEF-membro (ankaŭ emeritulo) | 30 | 40 |
| Familiano kaj junul(ino) ĝis 20jara | 15 | 20 |
| Ne IFEF-membro .... | 35 | 48 |
| Simpatianto (ricevos la kongresmaterialon, sed ne partoprenos la kongreson), minimume | 10 | 10 |
| Cambroperado (po lito) kaj bankelspezoj | 4 | 4 |

Ne hezitu! Aliĝu al **la** manifestacio de IFEF. Aliĝiloj troviĝas ĉe via landa asocio kaj ĉe LKK (Krome: la aliĝiloj povas esti kopiataj).

Bonvolu relegi la informojn en IF n-roj 5/1985 pĝ 67 kaj 6/1985 paĝoj 83-87, el kiuj vi rimarkas ke LKK daŭre klopodas plibonigi la ofertojn, ekzemple per la malpliigo de tranoktprezoj kaj forpreno de la kosto por la dimanĉa duontaga ekskurso.

Kongresejo estos la Oficira Domo de Skopje. Foto pri ĝi aperos, kiam ni disponas pri tia.

La kongreskarto validos kiel senpaga vojaĝbileto sur ĉiuj linioj de Jugoslaviaj Fervojoj en la unua klaso de la 5a de majo ĝis la 8a de junio 1986. Dum la kongresa semajno en Skopje ni senpage povos veturi per urbaj veturiloj.



OHRID - Monaĥejo de Sankta Jovan
(Foto: A. Minĉev, Skopje)

Belegaj afiŝoj pri Skopje estas mendeblaj ĉe LKK aŭ ĉe JAFE (poŝtfako 563, YU-11001 BEOGRAD), sed prefere indiku **deĵoran** adreson, ĉar sendkostoj estas ege altaj.



OHRID - preĝejo Sankta Sofio
(Foto: A. Minĉev, Skopje)



Preparoj por la 38a: Vizito ĉe kaj interparolo kun ĝenerala direktoro de Makedona fervojo, sinjoro Aleksandar Varnalijev, protektanto de nia kongreso. Apud li sidas: mgro G. Sredić, vicprezidanto de JAFE (kaj de LKK), s-ro J. Giessner, prezidanto de IFEF, s-ro Jovan Cubalevski, prezidanto de Organiza kongresa komitato (OKK), kaj s-ro Risto Curkoski, prezidanto de LKK

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA 38A IFEF-KONGRESO

(laŭ Jugoslavia Fervojisto n-ro 6/1985)

**Vendredon, 16.05.1986**
Gazetara konferenco

**Sabaton, 17.05.1986**
06.00-24.00 Akceptejo kaj monŝanĝejo en la stacidomo malfermitaj
15.00-16.00 Kunveno estraro/LKK
20.00- Interkona vespero

**Dimanĉon, 18.05.1986**
09.30-12.00 Solena malfermo
14.00-18.00 Aŭtobus-ekskurso tra urbo kaj ĉirkaŭaĵo
20.00- Teatra vespero

**Lundon, 19.05.1986**
08.30-11.30 Kunsido estraro/komitato (nepublika)
15.30-17.30 Terminara Komisiono
15.30-17.00 Fakprelega Komisiono
19.00-20.15 Festa komuna manĝado
20.30- Internacia balo

**Mardon, 20.05.1986**
09.00-12.00 1a plenkunsido
14.00-20.00 Duontaga ekskurso
Vespero libera

**Merkredon, 21.05.1986**
09.00-12.00 2a plenkunsido
14.30-16.00 Fakprelego
16.15-17.45 Aktualaĵoj el mia lando
20.00- Folklora vespero

**Ĵaŭdon, 22.05.1986**
Tuttaga ekskurso al Oĥrido

**Vendredon, 23.05.1986**
09.00-10.30 Redaktora kunveno
09.00-12.00 Terminara Komisiono
10.30-12.30 Forumo pri movadaj fervojistaj aferoj
14.00-16.00 Terminara Komisiono

SOLENA FERMO

GERMANA FEDERACIA FERVOJO (DB):

# SALTO EN LA ESTONTECON KUN 317 KM/H

En FR Germanio la fervojo preparas novan generacion de tre rapidaj elektraj motortrajnoj, kiuj plenumu la sloganon "je duobla rapideco de aŭtomobilo kaj duona rapideco de aviadilo". Post multjara teoria kaj praktika esploradoj nun ĝi oficiale ekrulis la 26an de novembro - la ICE = Intercity eksperimenta. Inter Bielefeld kaj Essen ĝi atingis rapidecon de 317 km/h - la ŝaŭmvino en la glasoj de la trafikministro kaj la ministro por esplorado kaj teknologio apenaŭ tremis. Kio estas nova je ICE? Preskaŭ ĉio.

La flulinia ekstera formo rezultiĝis el provoj en fluid- kaj aerodinamika esplorkanalo: klinita frunto, rondepinta muzelo, senbreĉa ekstera "haŭto" laŭlonge la tutan trajnon: hermetikaj intervagonaĵoj, engluitaj fenestroj el triobla vitro, eĉ la spacon inter la fenestroj kovras surgluita vitrotavolo. La grizblankan koloron de la supraj trajnpartoj ornamas ruĝviola bendo. La du trakci-kapoj, po unu en ĉiu ekstremo, altas nur 3,82 m, la intervagonoj eĉ nur 3,65 m, do 40 cm malpli ol la kutimaj DB-pasaĝervagonoj.

Interne oni elprovos diversajn kupeotipojn. Inter la du trakcikapoj ekipitaj kun povumo de 2 x 4200 kW (11 424 ĉp) la 114 m longa prototipo havas 3 vagonojn, estonte povas esti ĝis 14 el ili. La unuaklasa vagono konsistas el tri sekcioj, du grandkupeoj kun komfortaj klineblaj ripozoseĝoj (aranĝo 2:1) kaj meza vestopendigejo simila al malferma ŝranko. La tria sekcio enhavas diversmaniere aranĝitajn kunsidgrupojn kun etaj tabloj. En la dua vagono, same trisekcia, troviĝas po unu grandkupeo de unua kaj dua klaso (ĉi-lasta kun aranĝo 2:2), la meza disiga bloko enhavas deponejon por manĝaĵoj kaj trinkaĵoj (servotaj al la sidlokoj), krome lavejon kaj necesejon, kiu ankaŭ dum halto estas uzebla ĉar temas pri "fermita sistemo". La tria sekcio konsistas el konferenca kupeo kun karaktero de klubejo. Ĉi tiuj du vagonoj estas je dispono de la publiko, la tria vagono estas plenŝtopita per mezuraj kaj kontrolaj teknikaĵoj. Dum tuta jaro aŭ eĉ pli oni daŭre kaj detale diagnozos ĉian neperfektaĵon de ICE antaŭ ol serie konstruiĝi 45 kompletajn trajnojn; la unuaj estu pretaj meze de 1989. Tiam ICE signifos Intercity Ekspreso kaj ĝi veturos laŭhorare 250 km/h, dum la elprovado foje ankaŭ 300 km/h; laú la motora povumo ebla 350 km/h.

Por optimuma komforto zorgas 2,9 tunoj da izola materialo en ĉiu vagono, la larĝaj trivitraj fenestroj de 1,90 m kun lamenaj ĵaluzioj enkonstruitaj, granda spaco inter la seĝovicoj (1,20 m en la 1a klaso, 0,98 m en la dua klaso), hejtilo en la planko kaj klimatizado sen sentebla aerblovo tra la tuta trajno (eĉ intervagone), kaj fine la abunda telekomunika oferto: sur lumskriba tabulo legeblas la momenta rapideco, la nomo de la sekvonta haltstacio, la alvena horo tie (laŭplane kaj reale atendeble), indikoj pri rezervitaj sidlokoj, pri la servota menuo ktp. En aparta "infoĉelo" funkcias telefono per kreditkarta pago, krome teledialoga pupitro. El kapaŭdiloj konekteblaj en la brakseĝa apogilo disponeblas 5 radioprogramoj, turismaj informoj pri la ĵus traveturata regiono, en aparta sidangulo eĉ troviĝas televid-ekrano por videofilmoj.

Tamen, ne ĉio ĉi estos retrovebla en la serie konstruotaj trajnoj: esplor-demandado inter la pasaĝeroj devos montri, kion oni konservos, pri kio oni rezignos. Sendube tiu nova trajn-generacio ne nur rimarkinde reduktos la vojaĝdaŭron sur la

koncernaj linioj tra FR Germanio, sed ankaŭ la vojaĝkomforton ĝi sentebIe plialtigos. Rapideco kaj komforto - jen la fervojaj armiloj kontraŭ la konkurenco.

Ritt

(Vidu la frontpaĝan foton)

---

Fotoj de Albanio:

1. Walter Ullmann kaj albana interpretanto (dekstre) sur lokomotivo en Tirana
2. Albana lokomotivo en Shkoder
3. Stacidomo Vlora







En la germana ĵurnalo Frankfurter Rundschau Walter Ullmann trovis sekvan artikolon, kiun li tradukas, preskaŭ laŭvorte:

**"Albanio havas (posedas) fervojan konekson**

Parizo, 11 dec. - AP -

La fervojo de Albanio estas kunligita ek de la 26a de novembro al la ekstera mondo, post kiam la jugoslavia parto de nova fervoja linio de Titograd al la albana loko Shkodar (malĝuste; devas esti: albana urbo Shkoder aŭ Skutari) estis finkonstruita. Tion komunikis marde (= 10. 12) la Internacia Fervoj-Unio (UIC) en Parizo. Sekve de la komuniko fariĝis la Albana Fervojo je la 3a de decembro membro de la tielnomata RIV-konvencio, kiu reguligas la reciprokan uzadon de varvagonoj en la internacia trafiko. La albana fervoja reto kun longeco de 436 km estis ĝis nun plene detranĉita de la cetera mondo (= terglobo)."

La indikoj en krampoj estas klarigoj de la tradukinto.

Eble tiu informo taŭgas kiel aldono al la artikolo pri la HSH en IF 6/1985, paĝoj 89-91.







Albanaj fervoj- kaj monbileto kun fervojaj motivoj

## UNESKO DENOVE REZOLUCIIS FAVORE AL ESPERANTO

La iom aĝaj el ni certe memoras la strebojn de multaj kaj la konvinkan venkon de Ivo Lapenna en 1954 en urugvaja Montevideo.

La Unesko-rezolucio de la 10a de decembro 1954 estis unu el la ĉefaj gravaj rezultoj ĉe internacia instanco, ĉar ĝi rekonas la rezultojn de la internacia lingvo Esperanto.

Ni rajtas denove ĝoji, ĉar la lan de novembro 1985, la Kvara Komisiono de la 23a Generala Konferenco de Unesko, kunsidante en Sofio, voĉdonis kaj ĉiuvoĉe aprobis la rezolucipropon on 23 C/DR.218, kiu koncernas la rekonon al Esperanto kaj gratulon pro ĝia centjariĝo, kun pluraj rekomendoj.

Kaj post la ĝojaj momentoj ni devos serioze pripensi la plej taŭgan manieron utiligi la rezolucion, kies teksto estas:

### REZOLUCIO DE UNESKO XI.4.4.218

La Generala Konferenco,

**Konsiderante,** ke ĝi en sia sesio de 1954, okazinta en Montevideo, per la rezolucio IV.1.4.422-4224 notis la rezultojn, atingitajn pere de la internacia lingvo Esperanto sur la kampo de internacia intelektaj interŝanĝoj kaj reciproka kompreniĝo inter la popoloj de la mondo, kaj rekonis, ke tiuj kongruas kun la celoj kaj idealoj de Unesko,

**Memorigante,** ke Esperanto intertempe faris konsiderindan progreson kiel ilo de kompreniĝo inter popoloj kaj kulturoj de malsamaj landoj, penetrante en la plimulton de la regionoj de la mondo kaj la plimulton de la homaj agadoj,

**Rekonante** la grandajn eblecojn, kiujn Esperanto prezentas por la internacia kompreniĝo kaj la komunikado inter popoloj de malsamaj naciecoj,

**Notante** la tre gravan kontribuon de la Esperanto-movado, kaj precipe de Universala Esperanto-Asocio, al la disvastigado de informoj pri la agado de Unesko, same kiel ĝia partopreno en tiu agado,

**Konscia** pri la fakto, ke en 1987 oni festos la centjariĝon de la ekzisto de Esperanto,

1. **Gratulas** la Esperanto-movadon okaze de ĝia centa datreveno;
2. **Petas** la Generalan Direktoron daŭre sekvi kun atento la evoluon de Esperanto kiel rimedo por plibonigi la komprenon inter malsamaj nacioj kaj kulturoj;
3. **Invitas** la Ŝtatojn-Membrojn marki la centjariĝon de Esperanto per konvenaj aranĝoj, deklaroj, eldono de specialaj poŝtmarkoj kaj simile, kaj instigi al la enkonduko de studprogramo pri la lingvo-problemo kaj pri Esperanto en siaj lernejoj kaj siaj institucioj de supera edukado;
4. **Rekomendas** al la internaciaj neregistaraj organizaĵoj aliĝi al la festado de la centjariĝo de Esperanto kaj pristudi la eblecon utiligi Esperanton kiel rimedon por disvastigi inter siaj membroj ĉiajn informojn, inkluzive de tiuj pri la agado de Unesko.

Akceptita de la Generala Konferenco de Unesko la 8an de novembro 1985



## ĈINA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO FONDITA

Dum la 1-a Ĉina Kongreso de Esperanto en Kunming (Junan-provinco) 23a-29a de septembro 1985 estis fondita tutlanda "Ĉina Fervojista Esperanto-Federacio". Ties prezidanto estas kolego Li Sen, fervoja inĝeniero ĉe Fervoja Buroo en Huhhota.

Raportas pri tio kolego Nie Shuping en Wuhan.

Kolego Li Sen de Fervojista Esperantista Asocio de Huhhota Fervoja Buroo raportas, ke dum la nomita unua Ĉina Kongreso de Esperanto multaj fervojistoj estis delegatoj, kaj ili interkontaktiĝis kaj decidis konsistigi grupojn en diversaj lokoj. Nun la Gruparo de Fervojistaj Esperantistaj Grupoj en Ĉinio jam komencis konsisti. Kolego Li Sen estas elektita kiel kolektiganton de la Gruparo.

La tasko de la Gruparo estas

- interŝanĝi spertojn de fervojlaboro kaj Esperanto-lernado,
- puŝi la Esperanto-movadon al pli alta etapo en la fervoja faka sistemo, kaj
- plifortigi la interrilatojn inter la tutlanda kaj tutmondaj fervojistaj samideanoj.

Oni planas eldoni neregularan informilon "Ĉina Fervojista Esperantisto".

Ni ĉerpas el artikolo en "El Popola Ĉinio" (8/1985), kiun verkis kolego Li Sen:

"Propagandi kaj disvastigi Esperanton en la fervojistaj rondoj estas alia trajto de la tiea E-movado. Fervojo estas aorto de la nacia ekonomio kaj ankaŭ informa komunikilo. Utiligante la fervojon, oni povas pli bone disvastigi nian lingvon. Inspirate de la E-movado, fondiĝis en januaro 1984 la asocio fervojist-esperantista de la Huhhot-a Fervoja Buroo. La asocio detale konigis Esperanton kaj E-movadon en kvar paĝoj de la gazeto "Fervoja Scienc-populariga de la Interna Mongolio" eldonata de la fervojista societo. La gazeto distribuiĝas ne nur en la Huhhot-a Fervoja Buroo de la Interna Mongolio, sed ankaŭ en aliaj fervojaj burooj de Ĉinio. Pro tio ĝi estas vaste influhava. Nun, la asocio havas rilaton kun la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, kaj pere de ĝi komunikiĝas kun diverslandaj organizoj de fervojisto-esperantistoj. La asocio ankaŭ havas sian E-gazeton "Amikoj de Esperanto", kiu konigas fervojajn sciencajn sciojn, fakajn konversacion, informojn kaj terminojn. La asocio ankaŭ faras propagandon kun la titolo "Kio estas Esperanto?" en la vagonaroj administrataj de la Huhhot-a Fervoja Buroo. Por atingi pli da efikoj la asocio kompilas "Esperanto-Fervoja Manlibro", kiu konigas Esperanton, fervojajn sciojn kaj apudvojajn pejzaĝojn.

Por puŝi E-movadon al pli alta etapo la asocio proponis al la tutlandaj fervojisto-esperantistoj, ke ili organizu fervojistajn E-grupojn por plifortigi la interrilatojn inter la tutlandaj fervojistaj samideanoj. La propono estas aprobita de fervojisto-esperantistoj de Cjiĉjihar, Cangĉun, Tangŝan, Guje, Tjanĝin, Tajjùan, Sanming, Dujun, Uhan, Ningŝja, Ĉifeng k.a."

IFEF sekvas la evoluon kun granda interesiĝo, kaj eŭropaj IFEF-membroj, kiuj partoprenos la 71an UK-on, certe povos helpi antaŭenpuŝi la evoluon.

(Ni krome montras al la faksimila letero el Uhan (Wuhan) en IF 5/1984 pĝ 66).



Kolego Li Sen

## LA IAMA IFEF-PREZIDANTO K.G.J. DE JONG FORPASIS

La unuan de decembro 1985 mortis en Amsterdam la iama IFEF-prezidanto K.G.J. de Jong en sia 83a vivojaro. IFEF-prezidanto Joachim Giessner reprezentis la federacion en la funebra ceremonio en la kremaciejo de Amsterdam. Nome de IFEF estis deponita lasta florsaluto. Ĉeestis ankaŭ la ĉefkomitatano de IFEF, Lucien de Sutter, kaj multaj konatoj de la mortinto, kiuj iam laboris kun li en la Esperanto-medio same kiel kolegoj el lia aktiva deĵora tempo.

De Jong naskiĝis la 27an de januaro 1902 en Finkum (provinco Frislando). Li laboris ĉe la Nederlandaj Stataj Fervojoj kaj emeritiĝis kiel teknika inspektoro.

Jen ni publikigas la vortojn de Joachim Giessner okaze de la kremacio la 6an de decembro 1985 en Amsterdam:

Estas por mi vere funebra momento stari kun multaj aliaj malnovaj amikoj ĉe la ĉerko de unu el niaj plej aktivaj kaj elstaraj veteranoj. Ne estas mia tasko, tie ĉi pentri bildon de la vivovojo de tiu vigla, laborema, multjara gvidinto de nia internacia federacio fervojista. Tion pli bone kapablas la nederlandaj kolegoj, kiuj dum jardekoj intime kunlaboris kun li. Sed mi ŝatas diri kelkajn vortojn pri la persono de l'esperantisto kaj amiko de Jong el la vidpunkto de la IFEF-estraro kaj el mia propra vidpunkto kiel lia posteulo en la gvidado de IFEF. Mi tamen menciu kelkajn bazajn faktojn, nome ke li esperantiĝis en 1929 kaj ĝis la milito kunlaboris en nederlanda fervojista rondo UNFEG. Ek de la jaro 1950 kolego de Jong komencis aktiviĝi sur **internacia** tereno. Li estis elektita redaktoro de "Bulteno", la internacia organo de IFEF. La federacio apenaŭ havis monon por tiu modesta revuo. Tamen de Jong sukcesis dum siaj 8 redaktoraj jaroj ĝis 1958 iom post iom modernigi, pliriĉigi la bultenon, tiel ke en 1957 ĝi povis aperi presita kaj es-



tis internacie priatentita.

Estis la jaroj, kiam la nederlanda asocio FERN donis al IFEF ĉiujn estraranojn. Tiel de Jong en 1958 estis elektita al la pinto de IFEF kiel prezidanton, kiun oficon li kun granda vervo kaj celkonscie okupis ĝis 1968. Kiel finpunkton de sia internacia agado li liveris valoran verkon "Historio de la Fervojista Esperanto-movado", kiu konservas gravajn detalojn por la estonteco. Sed eĉ poste li ne ĉesis disponi siajn fortojn al la nederlanda asocio kaj ankaŭ por la Terminara Komisiono de IFEF.

Lia agado inter alie estis agnoskita en 1969 flanke de la granda Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC) per Ora Medalo, kaj en 1975 IFEF nomumis lin sia Honora Membro.

Tio estis sobra skizado, tre sobra. Ĝi neniel esprimis la tutan dimension de tio, kion tiu homo faris por la fervojista movado. 18 jarojn li estis en gvida pozicio, el ili 10 jarojn kiel prezidanto. Tio signifas, ke li esence influis kaj decidis la vojon de la federacio. Mi

mem ekde 1952 partoprenis en multaj kongresaj kunsidoj, en kiuj li kunlaboris aŭ prezidis kaj povis observi lian konstruan laborstilon. Estis la jaroj, kiam la federacio laŭnombre kreskis kaj kiam ĝia signifo kaj internacia renomo pli kaj pli altiĝis. Okaze de lia 80a naskiĝtago ĉi tie en Amsterdam mi diris vortojn, kiujn decas ekzakte ripeti en ĉi tiu momento:

"Estas tute klare, ke neniel eblas vere mencii kaj digne estimi la farojn de homo, kiu pli ol la duonon de sia vivo dediĉis al tasko, por kies plenumo oni ne nur bezonas korpajn kaj spiritajn fortojn, ne nur saĝon kaj intuicion, entreprenemon kaj klarvidon, sed precipe nerompeblajn konvinkon kaj kredon je la nobla, giganta ideo de la Internacia Lingvo, je la altmorala tasko, kiun transprenas ĉiu homo, kiu aktivas por Esperanto."

Tiu nun mortinta homo por ĉiam estos ligata kun la historio kaj evoluo de IFEF. Ni ĉiuj, kiuj tiel ofte havis okazon labori kun li kaj ankaŭ private povis kontaktiĝi kun li, ne forgesos lin, kiu estis vera homo, kiu estis kamarado, amiko por multaj, estimita en la propra lando kaj en internaciaj rondoj. Kun ni ĉi tie funebras la tuta membraro kaj ni plenkore kondolencas al lia estimata vidvino, kiu dum la jaroj, en multnombraj estrarkunvenoj kaj kongresvojaĝoj ĉiam fidele estis je lia flanko, zorgis por li kaj havas grandan parton en la sukcesa agado de sia edzo. Kaj ni same kondolencas al la tuta familio, kiu perdas valoran sian membron, kies vivo estis laboro, kies agado estis modelo. Ĝi restu modelo por ni, kiuj iel ajn zorgas por la vivo de nia federacio. Ni plej bone povos honori la memoron je la mortinto, se ni fervojistoj en la tuta mondo, **ĉiu sur sia loko,** klopodos imiti lian agadon.

Restas nur la lasta deziro, kiun ni havas por nia multjara gvidinto kaj amiko: li ripozu en paco!

## NEKROLOGO

Dimanĉo, la unua de decembro 1985 estis nigra tago por la fervojista esperantistaro, ĉar en tiu tago mortis nia tre ŝatata kolego

K.G.J.de JONG

en la aĝo de 83 jaroj. Li jam esperantiĝis en 1930.

La Reĝino honoris lin per la Ordeno "KAVALIRO EN ORANJE NASSAU".

FISAIC transdonis en 1969 al li la oran medalon pro la multege da laboro, kiun li faris por la fervojista Esperanto-movado je internacia tereno.

IFEF nomis lin "honora membro de IFEF" kun la ora insigno en la jaro 1975.

La kronologia tabelo de lia laboro por Esperanto estas:

1946 ano de FERN ĉe la fondiĝo,
1948 ano de IFEF ankaŭ ĉe la fondiĝo,
1950-1958 redaktoro de "Bulteno", organo de IFEF (nun "Internacia Fervojisto"),
1955-1973 prezidanto de UNFEG,
1958-1968 prezidanto de IFEF,
1967-1984 ano de la Terminara Komisiono de IFEF,
1971-1979 redaktoro de "Fervojisto" (FERN),
Multajn jarojn li estis membro de SAT kaj FLE, en kiuj li fervore laboris,
Li ofte gvidis kursojn.

Li havas multajn amikojn, kiuj sendube forte bedaŭras lian forpason.

Li estis ĝisosta Esperantisto kaj preta labori por sia idealo.

## DANKESPRIMO

Pro viaj koraj pruvoj de kompato, spertitaj post la forpaso de nia kara edzo, patro, avo, praavo kaj frato, ni esprimas nian sinceran dankon.

Nome de ĉiuj,
A.de Jong - v.d.Groep

## ĜENERALA JARKUNVENO DE FFEA, SAINT SAVINIEN, 28+29.09.1985

La ĝenerala Jarkunveno de FFEA okazis la 28an kaj la 29an de septembro 1985 en la kadro de tutsemajna aranĝo en SAINT SAVINIEN (Mara Carento).

Kiel kongreslokon oni elektis la restadejon "CHADIN", kiu ofertis al la partoprenantoj komfortajn loĝdometojn sed ankaŭ restoracion, trinkejon, kunvenejon kaj festsalonon.

Ekde lundo la 23a alvenis ĉirkaŭ 60 gekolegoj. Mardon kaj merkredon ili plibone konatiĝis kun la vidindaĵoj de Saint Savinien sub la gvidado de la dommastro "Chadin". Alia antaŭtagmezo li sperte gvidis nin en la famaj forlasitaj ŝtonminejoj.

La unua duontagekskurso kondukis nin al la antikva preĝejo de FENIOUX kaj poste ni vizitis la belegan kastelon "LA ROCHE COURBON" sub la interesa kaj humora gvidado de persono kiu ŝajnas aparteni al la franca historio.

La celo de la dua duontaga ekskurso estis "LA TREMBLADE" sur la rivereto "SEUDRE", kie oni grandskale bredas ostrojn. Cetere filmo kaj muzeo instruis nin tiurilate.

Poste ni havis la agrablan okazon gustumi la ostrojn kun buterpano kaj adekvata blanka vino.

Por la tria duontaga ekskurso ni veturis al "COGNAC", kie ni vizitis la historian kastelon de la reĝo Francisko la 1a. Sonregistrita programo gvidis nin historie kaj humore de la honora korto en la diversajn salonojn por fini per gustumado de la fama brando "COGNAC".

Sur la reirvojo ni estis gastoj de la gesinjoroj POUZET en BURIE kie, post vizito de ilia "PINEAU" distilejo, ni trinkis mi ne plu memoras kiom da diversaj eliksiroj.

Ni finis la semajnon per krozado sur la rivero "CHARENTE", ideala maniero por ĝui la ĉarman regionan pejzaĝon. Tagmeze ni albordiĝis en SAINTES, historia urbo kun multe da vidindaĵoj i.a. la katedralo Sankta Petro kaj la Arko de Germaniko.

Je la 17a la grupo disiĝis. Kelkaj rehejmiĝis trajne de Saintes, la aliaj reenŝipiĝis por Saint Savinien por rehejmiĝi lundon.

Ni ne enuis vespere, tute ne: interkona vespero, prelego kun lumbildoj pri la 70a Universala Kongreso de Augsburgo kaj pri Portugalio, kanta kaj muzika vespero far la E-grupo de Saintes, kabareta vespero, bankedo kaj balo en la iama monaĥejo de la Aŭgustenanoj, nuntempa kultura domo.

Sabaton antaŭtagmezo FFEA-estraro kunvenis kaj posttagmeze okazis la plena kunsido. Bedaŭrinde pro fervoja striko kelkaj oficialaj gastoj ne ĉeestis. Tamen funkciulo de la SNCF salutis la asembleon nome de la fervoja regiono de BORDEAUX, skabeno nome de urbo Saint Savinien, s-roj Quitensky E., de Sutter L., Schindler H., van Leeuwen W. kaj s-ino Kruse E. respektive nome de AFEF, BEFA, GEFA, FERN kaj IFEF. Nova estraro de FFEA estis elektita kun malmulte da ŝanĝoj: Pr. Horn G., Vp. Delaquize G. kaj Robiolle P., Sekretariino, Vonay Josette, Ks. Legeard J.P kaj Rd. Mazaud G.

S-ino LEMONNIER Germaine ricevis la diplomon per kiu la IFEF-estraro kaj ĝia komitato nomumis ŝin: Honora Membro de IFEF.

Al la Generala Jarkunveno partoprenis pli ol cent personoj; inter ili 14 eksterlandanoj el Aŭstrio, Belgio, Germanio kaj Nederlando.

La Esperanto flago flirtis la tutan semajnon ĉe la urbdomo.

La loka gazeto raportis.

Resume: suna, sana, kultura, amika kaj fruktedona semajno por kiu ni tre dankas al la organizantoj kaj iliaj kunlaborantoj precipe la geedzoj Josette kaj Yngve FORSLUND.

Lucien de Sutter

## PRI LA "2A KONGRESO DE POLAJ ESPERANTISTOJ-FERVOJISTOJ"

En IF 6/1985 paĝo 88 aperis la raporto de la IFEF-prezidanto pri la pola jarkunveno en Swidnica 20a-22a de septembro 1985. Jen la travivaĵoj de ĉeĥoslovaka kolego Jindrich Tomišek:

Swidnica estas historia urbo kaj signifa industria centro en Malsupra Silezio. Ĝi havas sesdek mil loĝantojn kaj situas en ebenaĵo ĉe la rivero Bystrzyca, en distanco 55 km de Wroclaw - la ĉefurbo de Malsupra Silezio kaj 25 km de la vojevodia urbo Walbrzych. 32 % de ĝia teritorio (21,6 km²) apartenas al parkoj, ĝardenoj kaj aliaj verdaj terenoj, sur kiuj kreskas 118 specioj de arboj kaj arbustoj, inter ili 25 pinglaj.

Sub gvido de la sperta ĉiĉerono ni komune vizitis historian parton de la urbo. En Swidnica tre valora estas la savita mezepoka ŝak tabula sistemo de la stratoj kaj urboplaco, la burĝaj ŝtondomoj - malfrugotikaj, barokaj, renesancaj - ĉe la urboplaco kaj ĉe la stratoj Świerczewskiego, Marksa, Pilaskiego, Tribunalska kaj Nowotki. Ni komune vizitis la parokan katolikan preĝejon de la sanktaj Stanislaw kaj Waclaw, t.n. "Katedralo de Swidnica", fonditan sur la loko de la pli frua preĝejo, konstruita en la jaroj 1330-1525. Menciinda estas la turo 103 metrojn alta kaj tre valoraj la ĉefa altaro kaj multaj bildoj kaj skulptaĵoj.

Sed ankaŭ la protestanta "Preĝejo de la Paco" valoras viziton. Konstruita nur el ligno kaj argilo, sen fundamentoj kaj granda turo, sen najloj, ĝi havas 29 enirpordojn kaj povas enlokigi 7,5 mil personojn (3500 sidantajn). Ĝi estas tre riĉe ornamita barokstila per pentraĵoj kaj skulptaĵoj kaj posedas unu el la plej grandaj en Pollando orgenon, konsistanta el 3661 tuboj.

Sed ankaŭ la urbdomo kun vizitinda Muzeo de Iama Merkantaro, Puto-fontano kaj Pentofaraj Krucoj ĉe placo Lenin indas viziton.

Post la komuna tagmanĝo okazis kultura programo, dum kiu ni en kafejo "Kelo Imzurowa" spektis krom alia plaĉan prezentadon de la geknaba E-ĥoro el Klodsko. Sub gvido de s-ino Barczak la geknaboj deklamis kaj kantis esperantigitajn polajn kaj internaciajn kantojn. Sekvis ne tiom altnivela prezento de koloraj diapozitivoj rememorantaj pri la pasintaj IFEF-kongresoj en Balatonfüred (1982), Ostendo (1983) kaj Slanĉev Brjag (1984).

Dimanĉe post komuna matenmanĝo ni partoprenis peraŭtobusan ekskurson al la kastelo Ksiaż apud Walbrzych. La kastelo Ksiaż estas sendube la plej granda ne nur en Malsupra Silezio, sed ankaŭ en la tuta lando. Ciuj ciferoj koncerne tiun rezidejon estas imponaj, ekzemple troviĝas en ĝi ĉirkaŭ 400 ĉambrojn. Bela estas ankaŭ kaj monumenta la ĉirkaŭanta naturo. La kastelo situas proksime al Swiebodzice, sur la monto, ĉe kies sojlo fluas meandre la rivero Pelcznica. La unuajn fortikigojn fondis tie en la jaroj 1288-1292 Bolko la 1a, princo de Swidnica kaj Jawor.

Dum pli postaj tempoj oni kelkfoje transformigis la kastelon, alkonstruante pluajn konstruaĵojn. Ekzemple en la fino de la 18a jarcento, kiam sekvis modo de romaniko, laŭ la ekzemplo de Versajlo kaj aliaj grandiozaj palacoj kaj kasteloj oni fondis tie ĝardenojn plenaj de pergoloj, templetoj kaj artefaritaj ruinaĵoj. Komence de la 20a jarcento dum nova alikonstruo aperis diversaj malgrandaj kortoj kun fontanoj, fragmentoj de skulptaĵoj, tiu ĉarma, sed malvera historiismo.

Post tagmanĝo en la kastela restoracio ni komune vizitis landfaman ĉevalejon, troviĝantan en proksimeco de la kastelo.

Cirkaŭ la tendarfajro pli poste en la parko apud Ksiaż oni komune kantis, babilis, rostis kolbasojn kaj amuziĝis ĝis la tempo, kiam oni devis adiaŭi por reveni al siaj hejmlokoj, al siaj devoj kaj ĉiutaga laboro. Ni adiaŭis niajn polajn kolegojn kun dankvortoj pro la bone preparita kongreso kaj kun deziroj de pluaj sukcesoj en ilia agado.

Jindrich Tomišek



## LA 19A JARKONFERENCO DE FERVOJISTA SEKCIO DE ĈEA

En la tagoj 4a ĝis 6a de oktobro 1985 okazis en Česká Třebová jam la 19a jarkonferenco de FS ĈEA.

Česká Třebová estas orientbohemia urbo, situanta sur fervojkruciĝo de linioj Praha-Olomouc kaj Praha-Brno, kie kontaktas montaro "Orlické hory" kun Bohemia-Moravia montareto. La urbo havas sian tradicion de teksistoj kaj pli novan tradicion de la granda fervojkruciĝo, krom tradicioj historiaj, politikaj kaj kulturaj. Ne ĉiuj scias, ke jam en 1921 ĝuste tie ĉi, en la "urbo de fervojistoj" estis fondita tutŝtata fervojista Esperanto-movado. Post la jardekoj estis la agado de fervojistoj ĉesigita, tamen en 1960 ĉi tie oni denove fondis esperantan klubon "Amikeco", konsistanta plejmulte el fervojistoj. Kaj la 17an de aprilo 1966 okazis en Česká Třebová la unua jarkunveno de la nova ĉeĥoslovaka fervojista landa asocio. Do okaze de la 25jara jubileo de E-klubo Amikeco oni tie ĉi okazigis ankaŭ la 19an jarkonferencon de FS ĈEA.

Vendrede post alveno kaj loĝigo ni kolektiĝis antaŭ la 14a horo sur la kvara perono de la fervojstacio, de kie ni forveturis per speciala trajno kun du vaporlokomotivoj al lokomotivdeponejo Česká Třebová, kie ni partoprenis "Tagon de la malfermita pordo" okaze de 140jara datreveno de la lokomotivdeponejo. Kun akompano de sperta gvidanto ni trarigardis kaj "pripalpis" la tie ekspoziciatajn lokomotivojn vaporaj, elektraj, dizelelektraj kaj motoraj, eksciante multajn informojn de la "deĵorantaj" lokomotivestroj. Poste ni gvidataj de sperta esperantisto, inĝ. Ladislav Kovář el Česká Třebová vizitis regadejan turon de la plej granda manovra stacio en Ĉeĥoslovakio. Kun admiro ni trarigardis milojn da relajsoj, radarojn kaj aliajn teknikajn instalaĵojn ebligantaj sekuran funkciadon de la trakbremsoj kaj aliaj instalaĵoj en regadturo, konstruitaj en valoro proksimume cent milionojn da kronojn por ebligi modernan funkciadon de tiu ĉi manovra stacio.

Sabate antaŭtagmeze okazis en hotelo Moskva la labora parto de la konferenco, dum kiu oni pritraktis la agadon de FS ĈEA dum lasta jaro, elektis novan estraron kaj pritraktis agadplanon por venonta periodo. Nova prezidanto de FS estis elektita kolego František Strumínský, nova sekretariino fariĝis Marta Křenková. La konferencon partoprenis ankaŭ gastoj-kolegoj el Aŭstrio, FRGermanio, GDR, Hungario kaj Jugoslavio. Multaj el ili salutparolis kaj dum la diskuto interŝanĝis spertojn el la agado de siaj sekcioj. Menciinda estas parolo de la jugoslava kolego s-ro Maraŝević pri preparlaboroj por la venontjara IFEF-konferenco en Skopje.

Post komuna tagmanĝo ni grupe promenis tra historia parto de la urbo. Česká Třebová apartenas al la plej malnovaj urboj de orienta Bohemio. Fondita jam en la tempo de reĝo Přemysl Otakar IIa en XIIIa jarcento, ĝi travivis multajn historiajn ŝanĝojn kaj du brulegojn (ekzemple en 1636 estis bruldetruigita preskaŭ la tuta urbo). Por ni fervojistoj estas gravaj du datoj, kiuj signifis ŝanĝon en vivo de la urbo: la 20an de aŭgusto 1845 estis malfermita la trafiko sur fervojlinio Olomouc-Česká Třebová-Praha kaj la 1an de januaro 1849 sur fervojlinio Brno-Česká Třebová-Praha.

La urbo Česká Třebová estas nuntempe vaste konata kiel urbo de fervojistoj kaj la fervojstacio fariĝis gravega stacio sur ĉefa fervojlinio, kiu estas multsignifa ankaŭ por internacia eŭropa trafiko. La stacion trapasas la plej grava fervojlinio en Ĉeĥoslovakio, kiu dividiĝas ĉi tie du ĉefajn fervojliniojn kaj kunligas industrian nord-okcidentan Bohemion kaj ĉefurbon Praha kun indu-

stria Ostrava-regiono kaj Slovakio en orienta direkto kaj kun urboj Brno-Bratislava en sudorienta direkto. Ĉiujare oni veturigas centmilojn da vojaĝantoj kaj milionojn da tunoj de varoj per elektrizita fervojlinio. Prave la urbo Česká Třebová estas nomata "urbo de bluaj uniformoj".

Sub ĉiĉeronado de inĝ. Ladislav Kovář ni vizitis Placon de la Paco kun nove konstruitaj domblokoj, poste ni iris en historian parton de la urbo, kie ni trarigardis la preĝejon de sankta Jakobo, konstruita en empira stilo en jaro 1801. Antaŭ la preĝejo estas lokigitaj barokaj statuoj de sankta Katarino, de sankta Barbaro kaj de sankta Jan Nepomucký de jaro 1717, 1719 kaj 1712.

Poste ni vidis sur placo de "Fratiĝo" renesancan konstruaĵon de la malnova urbodomo de jaro 1547, kie nuntempe estas lokigita urba muzeo kun antikvaj kolektaĵoj el la historio de la urbo, tiamaj metioj kaj popola arto. La muzeo havas ankaŭ fervojistan sekcion. Najbara domo - ekslernejo - estas nova urbodomo, sidejo de Urba Nacia Komitato. Antaŭ la urbodomo staras Maria-kolono de jaro 1706 kaj en alia parto de la placo bronza statuo de Fratiĝo - verko de la nacia artisto-skulptisto Karel Pokorný de jaro 1948. La vojo gvidis nin poste sur dekstran bordon de rivero Trebovka, kie staras jam de la unua duono de 13a jarcento la preĝejeto de sankta Katarino, unika memoraĵo de romanika stilo. La volbo super la altaro kaj flanka enirejo estas en gotika stilo. Sur la altaro staras altvalora ligna statueto de sankta Katarino. La tureto de la preĝejeto estas konstruita en baroka stilo. Malnova tombejo, situinta ĉirkaŭ la preĝejeto estis ŝanĝita en silentan intiman parkon.

Sed Česká Třebová ne estas nur historia kaj fervojista urbo. En la urbo troviĝas ankaŭ granda industria entrepreno "Primona", eksportanta siajn produktojn - subtilajn kotonajn kaj poliesterginajn teksaĵojn - en ĉirkaŭ 80 landojn de la tuta mondo. Ekzistas ankaŭ multaj aliaj industriaj entreprenoj, donantaj sufiĉajn laboreblecojn por la loĝantaro de la urbo kaj ĉirkaŭa regiono. Tra urba parko "Javorka", la plej multe vizitata loko en la urbo pro ĝia bela situo kaj agrablaj kvietaj lokoj ni revenis al Kultura domo de fervojistoj, kie cento da partoprenantoj kun ĝuo spektis kulturan programon de geknaboj, konsistanta el fabelaj scenetoj en internacia lingvo. Poste ni aŭdis interesan prelegon de s-ino Elfriede Kruse el FRGermanio kun akompano de multaj koloraj diapozitivoj pri ŝia vojaĝo tra Ĉinio.

Post komuna vespermanĝo okazis kultura vespero kun danco kaj riĉa tombolo.

Dimanĉe post matenmanĝo ni komune ekskursis tra vilaa kvartalo sur pilgrim- kaj refreŝiĝloko "Hory", kie estas restoracio kun dancsalono. La kapelo, en kiu tiutage okazis pilgrimdiservo, estis konstruita en jaro 1834. Post komuna tagmanĝo en restoracio multaj partoprenantoj devis adiaŭi. Ni adiaŭis nevolonte, ni forveturadis al niaj hejmlokoj kun multaj rememoroj kaj travivaĵoj, kun espero denove travivi similan okazaĵon kun partopreno de niaj enlandaj kaj eksterlandaj kolegoj kaj amikoj.

Jindřich Tomíšek



Unu el grupoj (precipe kun eksterlandaj kolegoj) dum vizito en lokomotiva deponejo Česká Třebová

## NIAJ JARKUNVENOJ

**FFEA (Francio)**

Printempa renkontiĝo okazos 10an-15an de aprilo 1986 en la feriejo "La Gironie" apud urbeto **Turenne.** Plej praktika stacidomo **Brive**, kiu atingeblas de Parizo en proks 4½ horoj. De Brive al "La Gironie" estas organizata aŭtobusa veturo je kosto po 22 FRF.

Ekskursoj, amuzado, interkonatiĝado ktp estas ingrediencoj.

Aliĝo antaŭ la 1a de marto. Informoj ĉe FFEA, 1 bis, rue d'Athènes, F-75009 PARIS.




**DEFA (Danio)**

Generala kunveno de DEFA okazos sabate la 15an de marto 1986 en Gentofte Hotel, Kopenhago. Sed kiel kutime DEFA partoprenos la komunan Danan Jarkunvenon, kiu okazos 11an-13an de aprilo en hotelkomplekso Danland, Fåborg (sur insulo Fionio). Prelegoj, vespera festo kaj diversa gruplaboro okazos.

Informoj ĉe Jan Niemann, Edv. Munchsvej 9, DK-3000 Helsingør.

(Belgio-Nederlando)

**BEFA-FERN**-jarkunveno okazos de la 18a ĝis la 20a de aprilo en Spa (Belgio). Spa situas en la belgaj ardenoj, 36 km de Lieĝo, el Germanio facile atingebla tra Aachen-Verviers.

Je sabato okazos aŭtobus-ekskurso tra la ardenoj. Informoj kaj aliĝoj ĉe: Lucien de Sutter, Chemin des Pins 4, B-1180 Bruxelles.

**GEFA (FRGermanio)**

Jam nun ekzistas la unuaj informoj pri la 30a GEFA-jarkunveno. Ĝi okazos 17an-19an de oktobro 1986 en Duisburg (ĉe la Rejno). Informoj ĉe Rolf Terjung, Finkenschlag 68, D-4100 Duisburg 26 (deĵoradreso: Bf Mülheim (Ruhr)-Hbf).

**IFEA (Italio)**

Ĵus venis al la redakcio de IF n-ro 3/1985 de Itala Fervojisto. Redaktoro nun estas Geo Climelli, kaj senton de freŝa vento oni ekhavas legante la gazeton.

Gratulon al IFEA pro la novigo kaj kuraĝon al nia nova kolego-redaktanto.

## FERVOJA KORESPONDA SERVO (FKS)

En IF 6/1985 vi vidis la portreton de s-ro Jean Demissy, nia gvidanto de FKS. S-ro Demissy prezentis al ni kelkajn plendojn: ke kelkfoje okazas, ke oni ne respondas, se oni ricevas petitan korespondadreson, kaj ke precipe en la nordaj landoj de Eŭropo mankas korespondemuloj.

Li skribas i a: "Oni konstatas, ke la fervojistoj ne estas entuziasmaj por korespondi. Ke certaj aperigas adreson en internaciaj ĵurnaloj kaj ne respondas. Ke en ĉiuj internaciaj kunvenoj oni stimulas la Esperantistojn komuniki per leteroj kaj ke tio ne donas rezulton."

Tamen li iome regajnas fine de la letero sian humoron, ĉar "mi jam ricevis 26 leterojn ĝis nun, iom pli ol lastan jaron 21. Oni progresas."

FKS, s-ro J. Demissy, 18, Avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmédy.

## TELEVIDO

Dum 100 horoj da televida elsendo, infano povas vidi ...

- 12 murdojn
- 7 batalojn per pafiloj
- 21 vunditojn pro pafado
- 21 aliajn armilajn uzadojn
- 2 pendumitojn fare de furiozaj svarmoj
- 4 memmortigojn (tri sukcesajn)
- 4 personojn falantajn de klifo
- 2 ŝtelojn
- 1 ĉevalon vundantan homon
- 1 panikon en aviadilo
- 1 batalon inter aviadiloj
- 1 personon atakantan alian per tranĉilo
- 1 mortpunitan personon

(el "Kontakto")

Gepatroj - tiru konsekvencojn!

## PORPACA TASKO

Se oni volus doni al **ĉiuj homoj** nutraĵojn, akvon, loĝejon, krome edukadon kaj medicinan prizorgadon, oni bezonus proksimume 17 miliardojn da dolaroj

**jare.**

Tio estas giganta sumo - ĝuste tiom, kiom oni elspezas en la tuta mondo por armiloj

**dum 14 tagoj.**



*Emblemo de la Internacia Jaro de Paco*

---

Dum ni atendas publikigon de pluaj rezultoj de "BONVOJAĜU" - la unuajn vi trovis en IF 6/1985 - konsoliĝu per "LA VERDA RELO" kun la rezulto de la beletra konkurso de la 33a IFEF-kongreso.

La 66paĝa kajero ankoraŭ haveblas kontraŭ 10 DEM (germanaj markoj) ĉe Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/M 70. Pagu al Sparda-Bank, 6000 Frankfurt/M, poŝtĝirokonto Frankfurt/Main 56908, kun aldono "favore al Elfriede Kruse, Konto 129957".

La "IFEF-Historio 1909-1984" estas 80paĝa kajero kun konciza priskribo de esperanto-laboro far fervojistoj. Pli ol 60 ilustraĵojn, interesajn tabelojn kaj fotomuntaĵon pri ĉiuj kongresinsignoj ĝis la 36a ĝi enhavas.

Ĝi kostas 6 DEM (germanajn markojn) aŭ 6 internaciajn respondkuponojn. Mendu ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaistrasse 3, D-3420 Herzberg am Harz, kaj ĝiru la monon al ties poŝtĝirokonto Hannover 531 16-307. Ne forgesu indiki vian adreson kaj la vorton "Historio".

---

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en marto, estas: 10.2.1986

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved